52a Jaro — N-ro 1 — Januaro Februaro 1960a

# BELGA ESPERANTISTO



Oficiala dumonata Organo de

REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Asocio sen profita celo,
aliĝinta al UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Redaktoro-Administranto :
la Prezidanto de R.B.L.E. :
Maur. JAUMOTTE
Avenuo De Bruyn, 44
Wilrijk-Antverpeno

Fondita en 1908a
★
Abonprezo : Fr. 100,-

## 1960.... nova, oficiala Zamenhof-jaro

Apenaŭ estingiĝis la lastaj fajreroj de la Zamenhof-festoj, organizitaj de la Esperanto-movado okaze de la 100a datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof kaj kiuj trovis sian kulminon en la lastaj semajnoj de la jaro, kiam atingis nin la novaĵo ke UNESKO invitas ne nur nin, sed la tutan kulturitan mondon, festi, — tiun ĉi jaron, do en 1960 — la grandan personecon de la iniciatoro de Esperanto.

Dum sia lasta kunsido, la Plenuma Komitato de UNESKO efektive decidis enlistigi la nomon de D-ro L.L. Zamenhof inter tiujn grandajn figurojn, kies datrevenon de naskiĝo UNESKO oficiale celebros.

Konforme al tiu decido la aganta Ĝenerala Direktoro de UNESKO sendis al ĉiuj registaroj kaj al ĉiuj neregistaraj organizaĵoj cirkuleron, en dato de la 15a de februaro, kies ĉefa parto tekstas :

> **Temo : Memorigo de Datrevenoj de Grandaj Personecoj**
>
> Mi havas la honoron altiri vian atenton al la decido akceptita de la Plenuma Komitato dum ĝia 55a Sesio (55 EX/Decisions 4.4.) koncerne la memorigon de datrevenoj de grandaj personecoj en 1960.
>
> La nomoj selektitaj per la decido de la Komitato estas ... D-ro L. L. Zamenhof, polo, iniciatoro de Esperanto, naskita en 1859.
>
> Konforme mi havas la honoron inviti vian Registaron partopreni en la memorigo de tiuj ĉi datrevenoj en kiu ajn maniero ĝi opinios plej oportuna ».

Ni ne diros ke tiu decido estas la rekompenco por la helpo, kiun ni mem dum la antaŭaj jaroj jam alportis al UNESKO, kiam ni kunfestis datrevenojn de UNESKO aŭ memorigon de la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj, ktp.

Ni tamen povas konstati ke, post la Rezolucio de Montevideo en decembro 1954, ni kiel eble plej akurate subtenis ĉiujn klopodojn de UNESKO, kun kiu ni cetere havas konstantajn rilatojn.

Kaj ne estas pridubeble, ke tiu nun jam konstanta kunlaboro portas siajn fruktojn kaj ke tiu ĉi tre certe helpis al la atentigo de la Plenuma Komitato al la bela figuro de D-ro Zamenhof.

Antaŭ tiu ĉi decido de UNESKO, por kiu ni ŝuldas ankaŭ dankon al nia belga delegito, Ministro Julien Kuypers, kiu promesis apogi kaj ankaŭ apogis la decidon, ni ja estas morale devigataj celebri plue la 100-jaran datrevenon en tiuj lokoj, instancoj kaj formoj, en kiuj ĝi ankoraŭ ne estis dum pasinta jaro.

Malgraŭ la paroladoj, kiujn niaj grupoj preskaŭ ĉiuj organizis dum 1959, necesos nur iom da bona volo kaj da imago por utiligi tiun novan ŝancon, kiun UNESKO alportas al ni, por vaste ekspluati ĝian decidon.

Tre certe en nia lando, la decido de UNESKO estos gajkore akceptata, ĉar ĝi povas nur helpi al la interesigo pri kaj al la sukcesigo de nia 45a Mondfesto en nia ĉefurbo.

Ekde hodiaŭ, pripensu do ĉiuj, individue kaj grupe, kio povas esti farata en tiu senco. Siavice la pli altaj instancoj pripensos, kio povas esti organizita sur la pli ĝenerala landa plano.

B. E.

# La 45a Universala Kongreso de Esperanto

La kongresaj kaj postkongresaj ekskursoj

**Kongresaj ekskursoj :**

La Loka Kongresa Komitato decidis, ke la tuta tago de jaŭdo, la 4-an de aŭgusto, estu dediĉita al tri samtempaj tuttagaj ekskursoj, kiuj celos al :

**1. Mezepoka Bruĝo kaj sunoplena marbordo**

Veturado per speciala vagonaro kun muziko kaj klarigoj en Esperanto per laŭtparoliloj. Vizito al Bruĝo, Venecitipa urbo kun kanaloj : Katedralo S. Savinto (XIII jarcento), Nia Sinjorino (XIII kaj XV jc.), Baziliko de la Sankta Sango (fino XV jc.), Urbodomo (XIV jc.), Muzeo Memlinc, Komunuma Muzeo, « Minnewater » (Lago de la Amo), malnovaj domoj. Oficiala Akcepto flanke de la Magistrato kaj folkloraj tagmanĝo kaj prezentado en la Belfrida Halo (XII kaj XV jc.) kun kostumoj laŭ la pentrajoj de Breughel. Libera posttagmezo en Ostendo, reĝino de la plaĝoj.

**2. Mondhaveno Antverpeno kaj ŝipekskurso sur la Skeldo**

Veturado per speciala vagonaro. Vizito al Antverpeno, urbo de la 7-a kaj 20-a Universalaj Kongresoj kaj unu el la ĉefhavenoj de la mondo : la Katedralo (XIII - XVI jc.) kun la famaj pentrajoj de Rubens « Starigo de la Kruco » « Ĉieliro » « Reviviĝo de Kristo », detala kaj gvidata vizito al la Domo de Rubens, kie la granda flandra pentristo vivis, laboris kaj mortis, la Urbodomo (XVI jc. kun sia renesanca fasado 76-metra), ŝipekskurso sur la Skeldo, vizito al la haveno kaj tagmanĝo en Rupelmonde en « Skaldiana » kun admirado de la tre interesa panorama Skeldo-Ekspozicio.

**3. Ardenaj montoj kaj la Kvin Valoj**

Veturado per aŭtobuso al Waterloo — la fama Napoleona batalkampo — kaj poste al Charleroi, la granda industria urbo, kun oficiala akcepto fare de la Urbestraro. Vizito al Namur, perlo de la Mozo-valo : Katedralo S. Aubin (XVIII jc.), la citadelo (supreniro per ŝnurfervojo). **Valo de la Mozo**, Kastelo de Annevoie (epoko Ludoviko XIV) kun siaj francaj ĝardenoj, **Valo de la Molignée**, Abatejo de Maredsous (XIX jc.), citadelo de Dinant kun belega elrigardejo, vizito al la grotoj « La Merveilleuse ». **Valo de la Leso**, Yvoir, **Valo de Bocq**, feŭda kastelo de Spontin (XII - XVII jc.), Gesves, **Valo de Samson**, Namèche, Marché-les-Dames.

La regiono estas nomata « Malgranda Svisujo ».

**Duontagaj vizitoj :**

**1. Vizito tra moderna kaj historia Bruselo**

La Borso, la Granda Placo kaj la Urbdomo (XV kaj XVII jc.), Manneken-Pis, Kolegio S. Mikaelo kaj Gudulo (XIII jc.), Justec-Palaco en grekromana stilo, strato de la Reĝeco, Sinagogo, Konservatorio, Preĝejo de Nia Sinjorino de la Venkoj (XIV jc.), Placo de la Sableto kun bronzaj monumentoj al grafoj d'Egmont kaj de Hornes, la Belarta Muzeo, la Reĝa Placo (stilo Ludoviko XVI) kun monumento al Golfrido le Buljono, la neoklasika Preĝejo S. Jakobo-sur-Koudenberg, Reĝa Palaco (XVIII jc.), la Reĝa Parko, la Kongresa Kolono, la Nacia Banko, la Centra Stacidomo.

**2. Estas antaŭvidata duontaga aŭtoĉara ekskurso al Gento,** kun dtala vizito al la historiaj monumentoj.

La ekskursoj estas rezervitaj al kongresanoj. Detaloj pri mendmaniero aperos en la Dua Oficiala Bulteno.

**POSTKONGRESA EKSKURSO :**

**Tri tagojn al Lieĝo, Aachen, Kolonjo kaj ŝipe sur la idilia Rejno.**
**Sabaton, la 6-an de aŭgusto 1960**

Alveno al Lieĝo per vagonaro el Bruselo en la fruaj horoj posttagmeze. Aŭtobusa vizito tra Lieĝo, en kies Belarta Muzeo oni povas admiri verkojn de Van Dyck, Laermans, Utrillo, Ingres, Chagall, Gaughin, Monet kaj Picasso. Komuna vespermanĝo. Vizito al dumnokta Lieĝo. Tranoktado.

**Dimanĉon, la 7-an de aŭgusto**

Alveno frumatene al Aachen. Aŭtobusa rondveturado : la Urbteatro, varmfonto « Elsenbrunnen » (kun gustumado de la kuracakvo), malnova imperiestra Katedralo, Urbodomo, Urbopordegoj (belfridoj), la Teknika Altlernejo (la plej granda en Germanujo kun 1700 eksterlandaj studentoj el 65 landoj).

Akcepto en la Urbodomo kun regalo, rondvizitado de la interno (kronad-salonego, k.a.). Komuna tagmanĝo. Vizitado al la mondfama Katedralo kun trezorejo : la marmora imperiestra seĝego de Karolo la Granda.

Koncerto en la kuraceja ĝardeno « Neues Kurhaus » kun diversnacia muziko kaj eventuale modernaj kanzonoj en Esperanto. Komuna vespermanĝo kaj forveturo vagonare al Kolonjo. Tranoktado en Kolonjo.

**Lundon, la 8-an de aŭgusto**

Forveturo el Kolonjo per vagonaro laŭlonge de la idilia Rejno tra Bonn, Koblenz kaj la pentrindaj St. Goar kaj Bacharach. Alveno en Bingen kaj enŝipiĝo. Sephora ŝipekskurso sur la Rejno. Komuna tagmanĝo sur la ŝipo.

Reveno al Kolonjo. Komuna vespermanĝo kaj libera vespero.

**Mardon, la 9-an de aŭgusto**

Aŭtobusa vizito tra Kolonjo. Adiaŭa komuna tagmanĝo.

Fino de la postkongresa ekskurso en la fruaj horoj de la posttagmezo.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

## Kunsido de la Administrantaro de la 13a de februaro

Je l' komenciĝo de la administrantara kunsido de la 13a de februaro, la Prezidanto, S-ro Maur. Jaumotte elparolis, antaŭ ta staranta ĉeestantaro, funebran paroladon memore al ĉies granda amiko kaj escepte fidela kunlaborinto S-ro Joseph Soyeur, kiu mortis en la lastaj semajnoj de pasinta jaro.

Pro ties foriro, evidentiĝis pli forte ol iam antaŭe la neceseco plifirmigi la laborkapablon de la estraro ; kio estas ebla nur per akiro de novaj kunlaboroj.

Per cirkuleroj senditaj de la prezidanto individue al ĉiuj administrantoj, ilia atento estis tutspeciale altirata al tiu neceseco kaj envenis kelkaj personaj proponoj pri kunlaboro, kiuj estis cetere danke akceptitaj.

La administrantaro do decidis transformi kaj plilarĝigi la estraron jene :

Prezidanto : S-ro Maur. Jaumotte
Vicprezidantoj : S-ro Henri Sielens
D-ro Pol Denoël
Vicprezidantino : S-ino Julia Plyson
Ĝenerala Sekretario : S-ro Luc. De Marré
Kasistino : F-ino Rosette Huysmans
Administranto de la revuo : S-ro François Schellekens.

La administrantaro krome klopodos interisigi pliajn membrojn al diversaj fakoj kaj ĉiuj, administrantoj estas alvokitaj pripensi la tutan estradon de nia Ligo, tiel ke kiel eble plej kompleta kaj efika estraro povu esti elektata, dum aprilo, okaze de la Ĝenerala Jarkunsido de la 24a de aprilo, al kiu ĉiuj membroj estas alvokitaj.

*Tiu Jarkunsido okazos je la 16a horo, en la etaĝa salono de „Brasserie Piedboeuf", Kiekenmarkt, 35 rue Marché-aux-Poulets, apud la Brusel a Borso.*

## NORDA PRISMO

Ĝi estas kajero. Sed ĝi estas tre ampleksa (45 ĝis 70 paĝoj po numero!), plaĉaspekta (bela verda kovrilo kun ilustraĵo) kaj abunde ilustrita per desegnaĵoj kaj fotoj. Do, troviĝas tie-ĉi ĉiuj elementoj por konsistigi indan revuon. Kaj tia la " Norda Prismo " tutcerte estas. La desegnaĵoj estas kelkfoje karikaturoj por ilustri artikolon pri humorista karikaturisto. Ankaŭ tio povas troviĝi sur alta nivelo kiel ekz. estas la kazo en Nr 2 de 1957 " Sveda Karikaturo ". La pentraĵo-fotoj ilustras artikolon pri pentristo. Tiurilate mi ne rapide forgesos la forte impresantajn " Funebro " kaj " Morlito " de la tie-ĉi tute ne konata sed granda artisto-pentristo Samuel Joensen el Feroaj insuloj. Grandan dankon ni ŝuldas al " Norda Prismo " kiu tiamaniere malkovras por ni sekretajn belegaĵojn kaj kulturvalorojn (Nr 3 majo-junio 1956). Ĝenerale la revuo celas doni la kulturon de norda Eŭropo. Tamen estas ankaŭ multaj kontribuaĵoj de kaj pri aliaj regionoj. Nr. 2 de la jaro 1956 (numeron 1 ni ne ricevis) prezentas du rakontojn de Nobelpremiito Pär Lagerkvist, artikolon kun tradukoj de Dr. K. Kalocsay pri la Greka poeto Archilochos de la 7a jarcento antaŭ K. La balkonscenon el Romeo kaj Julieto de W. Shakespeare tradukis R. Rossetti. En tiu sama numero Dr. P. Neergaard kritikas amplekse la faman Azorin-vortaron. Ankaŭ enestas artikolo de la konata psikologo Slade : " Batalu kontraŭ la malamo " : kaj ankoraŭ kaj ankoraŭ. Nr. 3 de 1956 donas intervjuon kun Halldor K. Laxness. Ĝi cetere estas " Islanda kaj Feroa numero " kaj donas bildojn kaj superrigardon pri la kulturo de tiuj du landoj. De la Sveda psikiatro Söderling aperas artikolo : " Infana mondo-granda mondo ". Nroj. 4-5 1956 havas raporton pri ekspedicio Sahara. Tie ni ankaŭ ekkonas la Armenian poeton Avetik Isahakjan kaj la Ĉehan Jaroslav Seifert. Troviĝas tie ankaŭ el la repertuaro de " Verda Ĉaro de Julio Baghy " : landvoja renkonto. Nr. 6 1956 publikigas la kortuŝan " Post la granda milito " en 1915 skribitan de Zamenhof.

De la Hungaro Sandor Brody estas publikigata unuakta dramo pri Rembrandt, kun komprenebla pentraĵfotoj de tiu mondfama pentristo. Aperas ankaŭ alia Hungaro, Sandor Szathmari kun la rakonto : " Perfekta Civitano ". Recenzataj estas la " Eseoj " de Dr. G. Waringhien kaj " Tri Verkoj " de Voltaire. Nr. 1 de 1957 enhavas i.a. novelon " Vendetta " de la tre granda talentulo Guy De Maupassant ; psikologian artikolon " Ĉu oni iĝas pli kaj pli stulta ? " de Sveda publicisto ; unuaktan dramon " Dum tondras la kanonoj " de J. Baghy ; longan recenzon de Dr. F. Szilagyi pri " La infana raso " de W. Auld ; ekonomian artikolon pri komerco en Eskimujo ; kaj inter la multaj poemoj, tradukon el Byron'a " Don Johano " de W. Auld. Tio lasta estas daŭrigata en Nr. 2 kie estas ankaŭ artikolo pri Linné kaj pri la homo kaj la naturo : kaj prozaĵo de la Nobelpremiito H. Pontoppidan. Nr. 3 1957 publikigas averton de Dr. Schweitzer ; pentro-historian studon de J. Regulo-Perez ; karikaturojn de O. Andersen ; ankoraŭ novelojn kaj multajn (belajn) poemojn. Nr. 4 1957 entenas artikolon pri la fama Ĉeha 17jarcenta pedagogo J.A. Komensky inter la literaturaĵoj : " La Puno " de Erich Kästner kaj du kontribuaĵoj de Kalocsay. Nr. 5 montras novelon " Verdikto " de S. Szathmari, nun tre konata pro romano : " Vojaĝo al Kazchinio ". Ankaŭ letero pri la Sud-Afrika rasa tragedio. Nr. 1 1958 donas artikolon pri kaj tre belajn desegnaĵojn de la Dana karikaturisto R. S. Petersen. Vere tre bela estas la rakonto de M. Boulton : " Mezepoka Historio ". Same belega estas la rakonto : " Ave Maria " de la Bulgaro Alex. Girginov. Vi konstatas kiom variaj estas kaj enhavo kaj kunlaborantoj. Kiel recenzaĵo : Angla Antologio. Notu ke pri ĉiuj gravaj verkoj aperas fundaj recenzoj. Nr. 2 1958 estas Germana numero, kie ni trovas poemojn de Schiller, Goethe, Heine ; longan artikolon pri Röntgen kaj mallongan pri Diesel : fotojn pri belegaj porcelanaĵoj el Meissen ; artikolon pri " Dürer, la giganto de la grafiko " : Mozart ; Lessing ; Grimm k.a. Nr. de 63 paĝoj ! Nr. 3 1958 estas Finnlanda numero. Artikolo pri la " Kalevala " kun fotoj de pentraĵoj de A. Gallen-Kallela pri tiu epopeo. Ankaŭ la 4a kanto el tiu epopeo. Alia artikolo pri la Mezepoka Finna pentroarto. Teatraĵo en unu akto " Nokto kaj Tago " de A. Kivi. Nr. 4 de 1958 estas la lasta kiun ni ricevis. En ĝi ni vidas " floron " el la " Florkolekto " de R. Tagore. Dr. K. Kalocsay skribas artikolon pri malnova nia poetino Marie Hankel kaj Adolf Sproeck pri " Eŭropa Ekonomia Komuno ". Recenzitaj estas " Songo sub Pomarbo " de J. Baghy kaj la atenton vekanta " Vojaĝo en Kazohinio " de S. Szathmari. Kaj en ĉiu numero estas aro da tre belaj, originalaj kaj tradukitaj poemoj. Kaj ĉiam ankaŭ belaj ilustraĵoj.

" Norda Prismo " estas sur la nivelo de alta internacia kulturo.

## LA NICA LITERATURA REVUO.

Ĝi estas modesta laŭ aspekto . . . eĉ iom mokridinde malgrandeta se oni komparas ĝin al la antaŭmilita, Budapesta "Literatura Mondo".

# 5 0 7

Kion signifas tiu numero aŭ nombro ?

Ĝi signifas ke, por la unua fojo en la postmilita periodo, nia Liga membraro denove iĝis supera al 500.

Ni gratulas niajn grupojn ĝenerale kaj tiujn, kiuj dum la lasta jaro plialtigis sian membraron, — kaj inter ili ni speciale citu la gajninton de la Premio " Antoinette Jennen " : la Karloreĝan Grupon —, kaj ni invitas ilin eluzi la propagandan efikon de la 45a Universala Kongreso por plivastigi ankoraŭ sian laboron tiurilate.

Ni re-pripensu ke, en la momento de la 20a Universala Kongreso, en Antverpeno en 1928, nia membrano altiĝis ĝis ĉirkaŭ MIL gemembroj . . . Tiu nombro estu nun nia, eble ne tuja, sed nepre atingota celo !






Sed kiom riĉa kaj valora estas la enhavo! Kompreneble ĝi estas destinita por literaturamantoj. Sed ĉiuj tiuj nepre havu ĝin! Kaj estas **vera** literaturo. En 1956 G. Waringhien publikigis studon kun tradukoj pri St. Mallarmé. En la sama jarkolekto ni vidas la poemojn de Geraldo Mattos, de religia inspiro. Marjorie Boulton skribas pri literaturo kaj moralo. Al tio cetere respondis K.R.C. Sturmer en la Decembra numero. En 1957 G. Waringhien skribis studon pri la 15 jarcenta princo-poeto Karlo de Orleans. En la Jan.-Feb.a numero G.W. aperigis ankaŭ ampleksan recenzon pri la tre stranga, mistera eposo de W. Auld: " La Infana Raso ". Nu, post la legado de tiu recenzo oni ekkomprenas la verkon kaj oni ekmalkovras signifon kaj belaĵojn de ĝi. La numero Majo-Junio de tiu jaro estas " Helena " (do antikv-Greka) numero kun partoj el la verkoj de Sappho, Eŭripido, Platono ktp. Kompreneble kunlaboris **La** klasikulo Dr. K. Kalocsay. Nepre havenda numero por ĉiu kulturhomo! La Sept. Okt. numero de tiu jaro estas Rusa numero en kiu ni trovas Puŝkin, Gorki kaj kompreneble dufoje la nekompareblan Ĉehov! Kaj nun io tute speciala kaj eble eĉ unika! W. Auld kaj M. Boulton inter si korespondis pri la temo: la homa naturo. Sed ili sendis unu al la alia nur rondelojn! ne ma'pli ol 84! L.N.L.R. de Nov.-Dec. '57 publikigas 13 specimenojn. Oni staras tutsimple perpleksa pro la virtuozeco kaj la trafkapablo de tiuj du. Povu foje aperi ĉiuj tiuj 84 rondeloj! En la sama numero G. Waringhien skribas pri P. Verlaine, kun multaj bonaj tradukoj, kaj daŭrigas tion en la 1a numero de la jaro 1958. Ankaŭ en tiu lasta numero estas eksterordinare bona rakonto " Ebrivirgeco " de M. Boulton kie ŝi bonege sugestas la ebrian staton per ŝanĝo kaj kripliĝo de esperantaj vortoj. Kaj ni estus grave kulpaj se ni forgesus en tiu sama numero: " Laŭ mia . . . ridpunkto " de R. Schwartz! R. Schwartz kiu en la numero Majo-Junio publikigas tre belan, seriozan (jes, seriozan) poemon. En la sama numero estas neforgeseble belaj la poemoj de L. Tarkony! Vere, la Nica Lit. Revuo konvinkas nin ke la Esperanta poezio nuna troviĝas sur tre alta nivelo. La numero Julio-Aŭg. konatigas al ni la Estonan poetinon Marie Under. Kaj tie Dr. K. Kalocsay publikigas en traduko kelkajn perlojn el la antikvo.

Pro manko de spaco mi devas ĉesi tie-ĉi. Se estas E-o. revuoj kiujn ni povas fiere montri pro ekstera aspekto, tiun-ĉi ni povas fiere montri al kultur-homoj pro enhavo. F. R.



# LA VOĈO DE AMERIKO DISSENDOS RADIO-PROGRAMOJN EN ESPRANTO.

La Voĉo de Ameriko, la tutmonda radio-servo de la usona registaro, decidis dissendi eksperimentan serion da programoj en Esperanto, komencante **la 11-an de Marto 1960.** Oni preparas 6 programojn 30-minutajn kun tre varia enhavo: intervjuoj, diskutrondoj, raportoj pri kulturo, literaturo, ekonomio, scienco, tekniko kaj la eksterlanda politiko de Usono, novaĵoj el la Esperanto-movado, " Demandoj kaj Respondoj pri Ameriko ". La programojn direktas D-ro Willim Solzbacher, Membro de la Akademio de Esperanto, en kunlaboro kun fakuloj kaj eminentuloj usonaj kaj eksterlandaj.

En 6 sinsekvaj semajnoj ĉiu programo estos dissendata **trifoje ĉiun vendredon,** je 11.00, 12.00 kaj 22.00 h. laŭ la horsistemo de Greenwich. La tria sendo, sur la ondlongoj de 31.28 m (9590 kcs) kaj 30.74 m (9760 kcs), devus esti bone aŭdebla en Eŭropo kaj la apudaj regionoj de Azio kaj Afriko (je la 10-a vespere en Britujo, Portugalo kaj Maroko, la 11-a en la plimulto de eŭropaj landoj. La programoj estos aŭdeblaj ankaŭ en aliaj partoj de la mondo.

La Voĉo de Ameriko decidos laŭ la spertoj kaj rezultoj de la eksperimenta serio pri eventuala regula uzado Esperanto. Raportoj pri la ricevo de la programoj, rimarkoj pri la enhavo kaj demandoj respondotaj en la rubriko " Demandoj kaj Respondoj pri Ameriko " estu adresataj al D-ro W. Solzbacher, Voice of America, Rm. 2528 HEW, Washington 25, D.C., Usono. Sendinto de demando por " Demandoj kaj Respondoj pri Ameriko " laŭeble ricevos antaŭan informon pri la tago, kiam la respondo estos donata antaŭ la mikrofono.

# BELGA KRONIKO

Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.
Vicprezidantoj : S-ro Henri SIELENS, Falconrui, 21, Antverpeno ;
D-ro Pol DENOEL, 20, rue Victor Raskin, Liège.
Vicprezidantino : S-ino Julia PLYSON, 185, rue Jourdan, Bruselo.
Generala Sekretario : S-ro Luc DE MARRE, Groenendaallaan, 232, Antverpeno.
Kasistino : F-ino Rosette HUYSMANS, Steenweg op Brussel, 114, Meise.
Administranto de B.E. : S-ro François SCHELLEKENS, Frans Hensstraat, 44, Antverpeno.
(Poŝtĉeknumero : R.B.L.E. : 13.37.67)

ANTVERPENO

**Esperanto-Grupo « La Verda Stelo »**
Poŝtĉeknumero : 726.54

La 11an de decembro (Zamenhofa vespero) : El radiofona teatraĵo « La Turo de Babelo », verkita de S-ro Maur. Jaumotte kaj prezentita jam antaŭ pluraj jaroj, S-ro J. Verstraeten reaŭdigis diversajn partojn kiujn li ligis kaj komentariis. Kunlaboris en la teatraĵo : F-ino E. Van der Weken, S-ino P. Tytgat, S-roj Roger Jaumotte, Adhémar kaj Gaston Verhoeven. S-ro J. Montmirail prizorgis la aparataron.

La 18an delegacio de la Brusela Grupo gvidita de S-ro R. Jacobs, prezentis du filmojn montrotajn dum la Univ. Kongreso : unu parolatan de S-ino M. Weyn, la alian de S-ro R. Jacobs. Ili akiris bonan rezulton. Pro la 100a datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof aperis diversaj artikoloj en la gazetaro. En la flandra radio-kroniko estis dediĉata al la sama evento kaj en la televido intervjuo okazis pri tiu grava okazantaĵo.

Dimanĉon, la 27an je la 15a horo en « Witte Leeuw », 23 infanoj partoprenis la kristnaskfestetón. Komence oni oferis ĉokoladon kaj kukojn kaj je la fino la Prezidanto S-ro M. Jaumotte disdonis belajn donacojn, aĉetitajn, flegitajn kaj kunmetitajn de diversaj sindonemaj verdstelaninoj. Amuza programo estis prezentata al kiu diversaj infanoj mem jam kunlaboris ; la familio De Roover akiris grandan sukceson pro sia gantpupa teatro.

Pro festotagoj, la grupo ne kunvenis la 25an de decembro kaj la 1an de januaro. Sed la 8an komenciĝis la 8a serio de « Tra la Mondo » per la temo « Aŭstrujo ». Kunlaboris : F-ino E. De Coene per teksto kaj lumbildoj, S-ro Fr. Schellekens per lumbildoj havigitaj de S-ino G. Debacker kaj S-ro J. Verstraeten per novjarletero.

La 15an, okazis la ĝenerala jarkunsido. Kiel gasto S-ro C. Fighiera, konstanta kongresa sekretario, ĝin ĉeestis. La sekretario, J. Verstraeten kaj la kasisto, R. Balleux prezentis siajn jarraportojn. La Prezidanto S-ro M. Jaumotte disdonis distingilojn al la jubileantoj. Li citis la nomojn de la gemembroj, kiuj aniĝis al la grupo en 1951, sed kiuj jam ricevis la medalon pro fideleco (10 jara membreco) en 1957 dum la ora jubileo de « Verda Stelo ». Estas F-ino H. Brack, S-ino R. De Soete, S-ino M. Landerwijn, S-ro J. Montmirail, S-ino L. Timmerman, F-ino Chr. Van den Bossche, S-ino M. Mannaerts, S-ro J. Van Nereaux, S-ro W. Verdyck, S-ino C. Verhoeven, S-ro F. Verhoeven, S-ro G. Verhoeven, S-ro J. Verstraeten, S-ino J. Verstraeten. Sekvantaj gemembroj ricevis unu arĝentan steleton sur sian bronzan medalon pro 15jara fidela membreco : S-ro Ch. Aalders, S-ro A. Claes, S-ro W. Dollez, F-ino B. Geers, S-ro J. Jacobs, S-ino B. Jacobs, S-ino Ph. Janssens, S-ro P. Peelman, S-ro R. Torremans, S-ro R. Van Eynde, S-ino F. Jaumotte kaj S-ino R. Lecat. S-ro H. Sielens ricevis unu arĝentan steleton sur sian arĝentan medalon pro 30jara fidela membreco. Sur la arĝenta medaloj de F-inoj M. Jacobs kaj Y. Van der Veken, S-ino Bl. Vermuyten kaj advokato D-ro M. Roose la arĝenta steleto estas anstataŭigita per ora, pro 35jara membreco.

La Prezidanto kore gratulis ĉiujn gejubileantojn kaj sincere dankis siajn gekomitatanojn kaj kunlaborantojn. S-ro Luc De Marré, Vic-prezidanto siavice laŭdis la Prezidanton kaj nome de la grupo dankis lin pro lia laboro efektivigita. Du tomboloj kun multaj belaj premioj estis organizitaj.

Dimanĉon, la 17an en la salonoj Magnus okazis la jara bankedo al kiu partoprenis pli ol 50 membroj inter kiuj S-ro C. Fighiera kaj imponа delegacio de la brusela grupo. La festaspektaj tabloj invitis al apetit-plena manĝado de la bongustaj pladoj. Post la deserto, S-ro Maur. Jaumotte, dankis siajn grupajn kunlaborantojn kaj varme pledis por la sukcesigo de la ĉef-okazontaĵo en Belgujo : la 45a U. Kongreso de Bruselo. S-ro R. Jacobs, Prezidanto de la Brusela Grupo, S-ro C. Fighiera, Konstanta Kongresa Sekretario kaj S-ro H. Sielens, kiel reprezentanto de RBLE, same varme alvokis al streĉa laboro por la U.K. S-ro Luc De Marré, en sprita paroladeto, honorigis la fidelajn verdstelaninojn kaj simbole transdonis florojn al S-ino Marg. Jaumotte post kio S-ro M. Jaumotte kore dankis. Je deka horo la festeno finiĝis.

La 22an, el la manoj de la Prezidanto S-ro M. Jaumotte, ricevis sian diplomon post sukcesplena ekzameno de la vintra elementa kurso : S-ro R. Van Houtven, F-ino E. Creemers, S-ro K. Van den Bergh, F-ino S. Celis, S-ro J. Van Steen kaj S-ro M. Du Bois. Per trafaj vortoj F-ino E. Creemers kaj S-ro M. Du Bois dankis la profesoron, S-ron Luc De Marré, kiu respondis per bonaj konsiloj kaj varma alvoko al daŭra kaj vigla kunlaboro en la grupa vivo.

Post tiu solenaĵo, sekvis amuza parto en kiu la ĵus diplomitoj povis montri siajn lingvajn kapablecojn : S-ro R. Van Houtven deklamis fulkanton laŭ mirinda maniero kaj S-ro J. Van Steen, en monologo, pledis por akcepto de Esperanto en la mondo ; F-ino S. Celis kaj S-ro K. Van den Bergh prezentis spritan skeĉon, kiu vekis la ridemon de la publiko. Plie kunlaboris al la sukceso de la vespero : S-ino Jeanne kaj S-ro Modest Andries, F-inoj Cl. Peeters kaj E. Van der Weken, S-roj J. Hendrickx, Fr. Schellekens, A. Van Dessel kaj J. Verstraeten.

La 29an, malhelpata pro la striko, la kunveno ne okazis kaj la parolado de S-ro J. Borghys pri « Speleologio » estis prokrastata. La 5an de februaro la paroladonto kuŝis en la lito pro subita malsano kaj estis F-ino E. Van der Weken, kiu lin anstataŭis kaj per teksto kaj lumbildoj plenigis tutan vesperon kun granda sukceso pri la sama temo.

La 12an, F-ino M. Moriamé paroladis pri « Miaj Ferioj » kaj samtempe montris belegajn koloriĝitajn lumbildojn. Ŝi priskribis dekon da vojaĝoj eksterlanden tra diversaj regionoj de Eŭropo, citante siajn plej amuzajn travivaĵojn dumvoje. Ŝi akiris varman aplaŭdon. Por kompletigi la programon, S-ro R. Van Eynde per vortoj kaj per bildoj





Atentu - Atentu - Atentu

„Memorlibro pri la Zamenhofjaro"

U.E.A. eldonos ĝin en la printempo de 1960. Ĝi enhavos la plej valoran materialon publikigitan okaze de la naskiĝjaro de Zamenhof ; kaj ampleksan raporton pri la okazintaj celebradoj en la mondo. La kunlaborantoj garantias elstarajn artikolojn : W. Auld, M. Boulton, Prof. G. Waringhien, Prof. Dr. Lapenna, k.a. La libro estos elegante bindita kaj tre riĉe ilustrita per multaj, ankaŭ nekonataj fotoj pri la vivo de la Majstro.

*Antaŭmenda prezo : 9 guld. (proks. 120 F)*
Ni varme, varme rekomendas.

# Tuj repagu vian kotizon!

Ĉar la unua numero de tiu ĉi jaro aperas ankoraŭ kun ioma prokrasto, ĝi ne plu estas sendita al la nerepagintaj membroj.

Ĉiu havis efektive sufiĉe da tempo por repagi sian kotizon por 1960 kaj ĉiujare mankas al ni januaraj numeroj, por la novvarbitoj, ĉar ni tro abunde dissendis ĝin al nerepagintaj kaj eble-nerepagontaj membroj.

La Grupaj kasistoj, kiuj ricevas pagojn de malnovaj membroj, do plej urĝe sendu eĉ nur unu nomon kaj adreson, tri-ekzemplere al F-ino Rosette Huysmans, la Liga kasistino, Ŝoseo de Bruselo, 114 Meise, kiu zorgos kun S-ro Fr. Schellekens kaj F-ino E. Van der Weken, ke la jam aperinta(j) numero(j) estu tuj sendata(j) al la realiĝintoj.

---

raportis pri siaj « speleologiaj » spertoj kaj esploroj en iu groto en la Ardenoj. S-ro Luc De Marré, kiu prezidis kaj anstataŭis S-ron M. Jaumotte, dankis per trafaj vortoj.

La 19an, S-ro Roger Jaumotte prezentis sian kulturan distran vesperon kaj denove sukcesis per spritaj ludoj kaj prezentadoj, en kiuj la ĉeestantoj fervore kunlaboris, forgesigi la zorgojn de la ĉiutaga vivo. S-ro J. Hendrickx ankaŭ jam lerte kunlaboris per kelkaj novaj programeroj.

La 26an, okazis parolata jurnalo gvidita de S-ro F. Schellekens. Ĝi estis tre bone prezentata kun multaj « surprizoj » kaj « sensaciajoj » dum li uzis la tutan aparataron. S-ro J. Montmirail prezentis kaj demonstraciis la novan laŭtparolilan instrumentaron, kiun la grupo aĉetis.

**Programo de la venontaj kunsidoj :**

Ĉiuvendrede en « Witte Leeuw », Frankrijklei, 4 je la 20,15a h. (Ia etaĝo)

APRILO : La 1an : Parolado kun lumbildoj de S-ino L. Merckx pri « El la malnova Skatolo » ; la 8an : Provprezentado de filmoj por la U.K. ; la 15an : Sankta Vendreda Atmosfero ; la 22an : Parolado kun lumbildoj de S-ro Jan Jacobs pri « Romo » ; la 29an : Kabareta Vespero.

MAJO : la 6an : Tra la Mondo : 9a serio « Jugoslavujo » ; la 13an : Parolado kun lumbildoj de F-ino E. De Coene ; la 20an: Parolado kun lumbildoj de S-ro J. Hendrickx pri « Filmoj de Walt Disney » ; la 27an : Vespero dediĉata al la U.E.K. aŭ Radiofona teatraĵo.

**FAMILIA VIVO :**

**Funebro**

Kelkajn tagojn nur post kiam ŝi ĉeestis la grupan kunsidon, dum kiu ŝi akiris plian steleton sur sia medalrubando, mortis subite nia malnova membrino Yvonne Van der Veken, membrino de tute verda familio.

Pro unutaga striko, multaj membroj eksciis tro malfrue la malĝojigan novajon. Kelkaj tamen ĉeestis la enterigan ceremonion.

Ni prezentas niajn plej sincerajn kondolencojn al ŝiaj gefratoj kaj gebofratoj en Antverpeno, en Britujo kaj en Usono.

**Edziniĝo**

Edziniĝis kun S-ro W. Flipsen, el Breda, la filino de G-roj Hector Boffejon : Heidi.

Ni prezentas al la feliĉaj gepatroj, kiel al la junaj geedzoj, niajn plej sincerajn gratulojn.

**Naskiĝo**

Naskiĝis nepeto Stefan al niaj fidelaj geamikoj Ges. Hector Vermuyten.

Ni kore ilin gratulas, same kiel la feliĉaj gepatroj Ges. Hugo Vermuyten.

Kaj sam koraj gratuloj iras al niaj same bonaj geamikoj Ges. C. Tytgat-De Ketelaere pro la naskiĝo de plia infano Wim.

Carlos kaj Paŭla : Hip ! Hip !

BRUGO

**Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo** (Poŝtĉekkonto N° 4835.33)

La 15an de decembro, je la okazo de la ĝusta datreveno de la naskiĝotago de D-ro. Zamenhof, la grupo invitis la samurban grupon « Paco kaj Justeco » por festi kune, en la kadro de EKI kaj en sia kunvenejo « Strijdershuis », tiun memorindan tagon. Sro. Ch. Poupeye enkondukis la vesperon kaj Sro. F. Roose, prezidanto de Paco kaj Justeco, paroladis pri la temo : « Ĉu D-ro. Zamenhof estis genio ? », kion li majstre pruvis argumentante precipe pri la vivo, kiun li aldonis al sia lingva projekto per la interna ideo kaj per la valoro de siaj literaturaj verkajoj. Post tio S-ro. Maertens gvidis interesan konkurstudon.

Dum la du lastaj semajnoj de la jaro, daŭriĝis la elementa kurso, po unu leciono semajne kaj post ĉiu leciono okazis agrabla kunparolado.

La nova jaro komenciĝis per la kunveno de la 5a de januaro, kun la festado de la Tri Reĝoj. Kuko, proponita de S-ino. Poupeye, estis distranĉata kaj la enbakita fabo indikis kiel reĝon S-ron. Marcel Poupeye, kiu elektis F-inon, J. Keereman, kiel reĝinon.

Kiel kutime, leciono de la elementa kurso estis donata dum la unua horo de ĉiu kunveno ; dum la dua horo, la ĉeestantoj agrable praktikis la lingvon per konversacio kaj esperanta kartludado.

La ĝenerala kunsido, fiksita je la 19a de januaro, ne povis okazi pro la funebro, kiu trafis la sekretariinon kaj la kasistinon de la grupo. Ĝi estis prokrastata ĝis la 23a de februaro.

Dum la kunveno de la 2a de februaro, favora dupaĝa artikolo pri Esperanto en la revuo « Het Rijk der Vrouw », alportita de F-ino. F. Goossens, estis legata kaj komentariata.

Diversaj aranĝoj por la balo de la 5a de marto estis farataj dum la kunveno de la 16a de februaro.

La 23an de februaro, okazis la prokrastita ĝenerala jarkunveno. Sufiĉe multnombraj gemembroj ĝin ĉeestis kaj aŭskultis la moralan raporton de la prezidanto, kiu precipe insistis pri regula ĉeestado de la kunvenoj kaj aktiva kunlaborado de ĉiuj grupanoj ; la raporton pri la grupa agado, de la sekretariino kaj la financan raporton de la kasistino. Ĉiuj raportoj estis aprobataj per aplaŭdoj. La ĉeestantoj aprobis la administradon dum la pasinta jaro kaj poste okazis la elekto de la komitato. S-roj. R. Behaeghel kaj R. Lagast, ambaŭ pro manko de tempo, ne plu reprezentis sin kiel kandidatoj. La ses restantaj gekomitatanoj estis reelektataj kaj du novaj kandidatoj : F-ino. M. Willems kaj S-ro. U. Soen estis unuanime alelektataj, sen sekreta baloto. Programo por estonta agado estis prezentata.

Dum la kunveno de la 1-a de marto, malmulte ĉeestata pro la karnavalo, estis prenataj la lastaj aranĝoj por la balo de la 5-a.

La novaj gekomitatanoj kunvenis unuan fojon la 3-an de marto kaj dividis inter si la komitatajn postenojn jene : Prezidanto : S-ro. Ch. Poupeye ; Vicprezidantoj : F-ino. A. Boereboom, S-ino. S. Verbeke kaj S-ro D. Demeulenaere, kiu lasta fariĝas samtempe kasisto ; Sekretariino : F-ino. Is. Van Parys ; Helpaj gesekretarioj : F-ino. Yo. Van Parys, F-ino, M. Willems kaj S-ro. U. Soen.

Sabaton 5-an de marto, je la 21a en la salonego Concordia, okazis la dua vintra balo de la grupo. Pro la samtempeco de diversaj gravaj baloj, la publiko ne estis tiel multnombra kiel kutime. La bonega orkestro Eddy Burssens tamen enblovis amuzan atmosferon, kiu daŭris ĝis la 3a matene.

Pri tiu balo estis detale raportata dum la kunveno de la 8a de marto.

**Programo por la venontaj kunsidoj :**

Ĉiumarde, je la 8a vespere, en la kunvenejo « Strijdershuis », Hallestraat, 14 ; Tel. N° 347.98 :

Dum la unua horo de ĉiu kunveno :

D-ro Pol DENOEL — **Initiation théorique et pratique à la Langue Internationale Esperanto.** Lernolibro elementa en 10 lecionoj. 72 paĝoj, 14 x 22 cm. Kartonbindita. Fr. 45,—.

Post la aperigo de anonco pri ĉi tiu nova lernolibro por franclingvanoj kaj laŭ interkonsento kun la aŭtoro kaj la eldonintoj ; ni sciigas ke BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, (Oostenstraat 26, Antverpeno Pĉk. N° 1689.58, havas la vendorajtojn enlande (krom en Liège kaj ĝia tuja ĉirkaŭajo) kaj eksterlande.

Por ne perdi tempon, oni do rekte mendu al B.E.I., kiu liveros laŭ la kutimaj kondiĉoj.

---

leciono de la elementa kurso ; dum la dua horo : kunsido por ĉiuj gemembroj, novaj kaj malnovaj, kun jena programo :

MARTO : 15an : Parolata Gazeto ; 22an : Kantvespero ; 29an : Konkursludo ; 31an (ĵaŭdon) je la 20a, verŝajne en « Orgelzaal », Muntplaats, en la kadro de EKI : JAPANA VESPERO. S-ino. Jogiko Kajino, japana ĵurnalistino, en nacia kostumo, parolados, prezentos lumbildojn kaj sonbendon pri japanaj kutimoj, muziko, ktp. dancos japanajn dancojn, klarigos japanajn skribajojn kaj respondos al demandoj de la ĉeestantoj.

APRILO : 5an : Kartludado ; 12an : Kanta vespero ; 19an (post Pasko) Parolata gazeto ; 26an : Perfektiga leciono aŭ legado de B.E.

**Nekrologo.**

La 7-an de januaro 1960a, mortis en St-Andries, post longa malsano, S-ro Armand VAN PARYS, juĝoregistristo de la pac-juĝejo en Zomergem. Jam de 1931a, li estis membro de la Bruĝa Grupo kaj, kiam tiu ĉi restariĝis post la milito, li anigis siajn du plej aĝajn filinojn al ĝi. Kiam pli poste la grupo reatingis la membronombron 100, estis Sro. A. Van Parys, kiu okupis tiun honorigan lokon.

Al S-ino. A. Van Parys, al la du komitataninoj de la Bruĝa Grupo: F-inoj. Isabelle kaj Yolande Van Parys kaj ankaŭ al la membrino F-ino. Christine VAN PARYS, kiuj perdis amatan edzon kaj patron, ni prezentas plej korajn kondolencojn.

BRUSELO

**Reĝa Esperantista Brusela Grupo**
(Poŝtĉeknumero : 12.30.48)

Lundon, la 5an de oktobro 1959 : Parolata ĵurnalo, kun la kunlaboro de la tuta grupanaro.

La 12an : S-ro Fighiera pritraktis la historion de la pasintaj kongresoj, kaj li parolis pri la esperoj, kiujn ni povas havi pri la Brusela.

La 19an : S-ro van der Stempel gvidis kun multe da sprito la perfektigan kurson. Li pritraktis la transitivajn verbojn.

La 24an : S-ino Ernst rakontis gajan historion de eksterordinara fianĉiĝo.

La 8an de novembro : delegacio de Brusela grupo vizitis la ekspozicion de Charleroi, kie estis tre vasta stando pri Esperanto. Tiu sekcio akiris multe da sukceso.

La 9-an : S-roj Debruyne kaj Debaene montris filmojn pri fervojista afero. La grupanaro povis revivi la kongresojn de Ifef.

La 16an : nia jara festeno okazis kun larĝa partopreno. Ni honorigis la K.K.S.-on, S-ron Fighiera, nuntempe inter ni.

La 30an : S-ro Pierre Piron vidigis al ni lumbildojn, kiujn li faris tra Poluio dum sia vojaĝo al U. Kongreso. Ni povis konvikiĝi pri lia lerteco al fotoj.

La 7an de decembro : S-ino Lecat pritraktis la vivon de Doktoro Schweitzer. Tiu parolado altiris al la kunsido triopon da ne-samideanoj.

La 14an S-ino Lecat finis sian duopartan prelegon pri la fama Doktoro Schweitzer. Ŝi detale rakontis, elĉerpinte el pluraj libroj, multvalorajn kaj humanajn ecojn de tiu Homo, kun granda « H ».

La 21an : S-ro van der Stempel gvidis la perfektigan kurson, la lastan de la jaro, li instruis al ni : lia, ŝia ; ĝia kaj sia-vortojn.

La 28an : Gaja vespero kun dancoj, ludoj tombolo. Ni honeste finis la jaron kaj certe ni memoros pri ĝi dank' al S-ino Weyn.

La 4an de januaro 1960 : Parolata ĵurnalo al kiu partoprenis la kremo de nia grupo. Gajnis : S-ro Jirousek kun





fantoma rakonto.

La 11an : S-ro Fighiera parolis pri la delokitaj personoj ek-de la prahistorio. Li rimarkigis la malagrablajn kondiĉojn en kiuj, tiuj homoj devas, pro diversaj kaŭzoj, vivadi.

La 18an : Pro manko bedaŭrata de S-ro van der Stempel, ni amuzis neatendite.

La 25an de januaro, estis elektita la nova komitato, kiu konsistas el : Prezidanto : S-ro R. Jacobs ; Vic-prezidantinoj : S-inoj E. Staes kaj M. Weyn ; Sekretariino : F-ino R. Huysmans ; Helpsekretario : S-ro M. Jirousek ; Kasisto : S-ro J. Oleffe ; Bibliotekisto : S-ro M. Nanquette.

La Fak-komitato konsistas el : Teknikisto : S-ro P. Piron ; Protokolantino : S-ino L. De Krom ; Festestrino : S-ino M. Ross ; Kursgvidantino : S-ino R. Jacobs kaj kursgvidanto : S-ro D. van der Stempel.

La 1an de februaro : Parolata ĵurnalo, pro la gripo malmultaj kunlaboris : S-ro Castel, S-ino Ross kaj S-ino De Krom.

La 8an : F-ino Obozinski organizis tre amuzan vesperon, kiel instruistino ; ŝi lernigis multajn esperantajn vortojn. La divenludoj estas ja ŝia specialajo.

La 15an : S-ro Vander Stempel pritraktis, kiel serioza profesoro, la similaspektajn vortojn. Li montris al ni la detalojn kaj la subtilaĵojn de la Esperanto-vortaro.

La 22an : Mitulvespero honore de S-ino Ernst, kiu gajnis la premion Bas. Cetere S-ro Bas ĉeestis, kaj li donacis al si tiun gravan premion. La grupo povis aŭskulti la sonbendon ĵus enregistritan en Radio Antverpeno, por la U.K. en Bruselo. La Antverpenanoj zorgis pri tiu rubando.

**Programo de la venontaj kunsidoj :**

Ĉiulunde, je la 20a h., en la etaĝo de hotelo Monico Nord, 2, strato Brabant (placo Rogier), Bruselo 1a, tel.: 152601.

MARTO : la 7an : Parolata ĵurnalo ; la 14an : Parolado de S-ro FIGHIERA : « Tekniko de Informado » ; la 21an : Perfektiga Kurso, fare de S-ro van der STEMPEL ; la 28an : Distra Vespero, fare de nia festestrino, S-ino ROSS.

APRILO : la 4an : Parolata ĵurnalo ; la 11an : Parolado de S-ino STAES : « Brusela Folklora Lingvo » ; la 18an : Paska lundo (ne okazos kunveno) ; la 25an : Ni aŭskultos bendon verkitan de « La Verda Stelo ».

MAJO : la 2an : Parolata ĵurnalo ; la 9an : Parolado de S-ro CASTEL ; la 16an : Perfektiga Kurso, fare de S-ro van der STEMPEL ; la 23an : Distra Vespero, fare de S-ino ROSS ; la 30an: Debatvespero.

CHARLEROI

**Karloreĝa Grupo Esperantista**

La ĝenerala jarkunsido okazis la 19an de januaro kaj la prezidanto prezentis la moralan raporton pri la grupa vivo kaj tiu ĉi aspektas vere kontentiga, kiel oni povas vidi el la kelkaj punktoj, kiujn ni eltiras el tiu ĉi raporto :

La membraro preskaŭ duobliĝis ĝis 101 gemembroj, enkalkulante la protektantajn membrojn.

Kursoj estis preskaŭ daŭre gvidataj ; ĝis fino de septembro kaj denove ekde la mezo de septembro elementaj kursoj en la lernejo « La Digue », kaj en Ransart, kie la kursoj estas tre interesaj, ĉar sekvataj de junaj kna-

binoj. La prezidanto sekvas la progresojn de tiuj lernantinoj ĉeestante ofte ilian kurson, ĉe la « Filinoj de Mario ».

Kaj dum la tuta jaro daŭras la letera kaj perfektiga kursoj.

Okaze de la 52a datreveno de la fondiĝo de la Grupo, okazis, la 22an de novembro, gaja festeno en la restoracio « Mouton de Panurge » kaj ĝi plene sukcesis.

Aliflanke, la prezidanto daŭrigas sian kunlaboron al la « Nouvelle Gazette », en kiu regule aperas liaj artikoloj ; dum ankaŭ jam kelkfoje aperis artikoletoj en la malgranda gazeto « Me v'la », de Marcinelle.

Pri la ekspozicio, aperis artikolo en la ĵus aperinta numero.

Premioj estas gajnitaj de F-ino Orsolini pro la plej granda nombro de varbitaj membroj kaj de S-ro Fichefet, kiel plej diligenta membro.

Ekskursoj okazis plurfoje dum la somera sezono.

Fine, ni povas substreki ke, dum la jaro, la Grupo akiris la titolon de « Reĝa Societo » kaj ke, la 3an de marto, la prezidanto kaj sekretario estis akceptitaj de skabeno de Marchienne-au-Pont, al kiu ili klarigis la aktivecon de la Grupo. Aperos libreto por la lokaj loĝantoj kaj por aliaj personoj interesitaj.

La 15an de marto, S-ro Georges de Cuyper paroladis franclingve en la salono de la Urbdomo de Charleroi pri « Vivo de Zamenhof, kreinto de Esperanto ». Li ankaŭ aŭdigis sonbendon esperantlingvan.

## LIEĜO

### Lieĝa Grupo Esperantista

Merkredon la 16-an de decembro 1959, prelegis en Lieĝo la Liga Prezidanto, s-ro Maurice JAUMOTTE, kiu parolis en la kadro de la Zamenhofa Jaro. Li elokvente rememoris al la multnombraj ĉeestantoj la emociigan vivon de nia Majstro, kaj skizis la nunan situacion de la Esperantista Movado en la mondo. Prezidanto JAUMOTTE ankaŭ tre afable respondis al multnombraj informpetoj de la aŭdantoj. D-ro P. DENOEL, kiu anstataŭis la grupan Prezidanton, s-ron Joseph SOYEUR, grave malsana, varme dankis la paroladinton. Antaŭ la parolado, ĵurnalisto de la grava lieĝa gazeto « LA MEUSE » intervjuis s-ron JAUMOTTE pri la vivo de nia Belga Ligo kaj pri la proksima U.K. en Bruselo. La artikolo aperis kun bildo.

En la monato de decembro, la Esperantistaro de Belgujo eksciis tre malagrablan novaĵon : la morton de s-ro Joseph SOYEUR, vic-prezidanto de R.B.L.E., prezidanto de la Lieĝa Grupo, peranto de U.E.A. en Belgujo. La 5-an de januaro, la membroj kunsidis en solena vesp‹er›o omaĝe al sia Prezidanto Joseph SOYEUR. D-ro P. DENOEL parolis pri la belega figuro de Joseph SOYEUR. Li rememoris lian senhaltan aktivecon por Esperanto. « Li estis ĉiam frate helpema, ĉiam kore sindona, ĉiam humile modesta ». Poste s-ino J. GRISARD, Sekretariino, raportis pri la partoprenado de nia Grupo kaj de aliaj samideanoj al la entombigo de J. SOYEUR en Seraing. Ĉeestis la filino de la mortinto, s-ino MONTELET-SOYEUR.

La 12-an de januaro, estis prezentita belega kolorfilmo de S-ano BOCCA pri vojaĝo tra Hispanujo. La oratoro afable respondis al multaj demandoj. Agrablan hispanan muzikon oni aŭdis per sonbendoj.

La 2-an de februaro, la K.K.S. s-ro Gian Carlo FIGHIERA prelegis pri la « Universalaj Kongresoj ». Ĉar ĉeestis kelkaj novbakitaj amikoj, s-ro FIGHIERA parolis simple, sed kun granda konvinko. La ĉeestantoj « bombardis » lin per multnombraj demandoj.

La 8-an de marto okazis la Generala Jarkunveno de la Grupo. Trarigardo de la pasinta aktiveco estis kontentiga sed la Grupo povos estonte multe pli fari. La morto de Prezidanto J. SOYEUR estis grava bato, sed lia ekzemplo incitos la sindonemon de la membroj. Aranĝo farita kun la aliaj Grupoj en Lieĝo estos certe fruktedona. Oni planas organizi regule konferencojn kaj perfektigan kurson.

La financa stato de la Grupo estas kontentiga.

Jena komitato estas elektita :
Prezidanto : D-ro P. DENOEL
Sekretariino : J. GRISARD
Kasisto : J. HENRION
Eksteraj Rilatoj : M. GUYOT
Gazetara Servo : M. LEMME
Helpsekretario : B. DENOEL
(+ Arhivisto)

Fine kelkajn informojn el U.E.A., R.B.L.E. kaj aliaj Grupoj donis la Prezidanto.



# Naturalismo kiel Doktrino Interlingvistika (sekvo)

> separar, noi separa, vu separat, vu ha separate (vi estas separata) illi es separate, separation, separativ.

Por la verboj en -er la regulo devas esti iom pli ampleksa.

> prender, tu prende, partiprension, aprendr, aprension ; invader, invasi.

Nature, laŭ de Wahl, preskaŭ neniu bezonas lerni tiun regulon. La rilato vide-vision, peti-petition, crea-creation estas konata kiel Latinismo en ĉiuj lingvoj de la okcidento kaj ankaŭ el sciencaj terminoj kvazaŭ al la tuta mondo. Jen ekzemplo de la lingvo de de Wahl :

> On admitte, que le complication es solmente aparent e que por un person familiari con modern scientific nomenclatura su aplication possede un facilità excessiv. Per le conservation del forme etimologic del radica noi aquire un instrument agreabil por è le scriptor è le lector.

Ni lasu de Wahl. Post 1900 unu el la plej eksterordinaraj sciencistoj, mia samfakano Giuseppe PEANO, profesoro de matematiko kaj logiko en Torino, faris tute aŭtonoman esploron de la problemo — Latino sine flexione. Tio estas nur projekto por scienco kaj estas la Latina sen konsidero de la latino gramatiko. Peano : Lingua se sina non habe grammatica. Lingua sine grammatica es de interpretatione immediato cum auxilio de solo vocabulario ". Nu, kara Peano, ĉu vi ne vidas kiom da gramatiko estas entenita en via lingvo ? Giuseppe Peano estu‹s› centjara en 1958 (li mortis en 1932) Lia revuo, alte fama, " Revue de la Métaphysique " ekde 1903 (tiam en sia kulmino) publikiĝis liajn gravajn esplorojn pri matematiko kaj logiko en Latino sine Flexione. Por la scienco ĝi taŭgis eĉ pli ol Esperanto ; por la vivo, ne. (Tian ambicion ĝi ne havis). La opinio de Peano pri Esperanto estis malfavora ĝuste pro sciencaj kaŭzoj kaj se mi vidas ekzemple la matematikan terminaron, mi komprenas ĝin. Ekz. en la tuta mondo oni diras unuece : quaternion, determinant(e), tangente ; kaj ni esperantistoj diru konfuzige kvaterniono, determinento, tanĝanto ! ? (ni neniam ridindiĝu !)

Jen pri la tempo antaŭ la unua mondmilito. Post ĝi, en 1922 Edgar de Wahl en sia revuo " Kosmoglott " publikiĝis sian projekton Occidental, poste nomita Interlingue. Novial, en 1928 publikiĝita de la granda Dana lingvisto Otto Jespersen estis sen ia signifo. En 1924 komenciĝis la aktiveco de IALA, fondita de la milionuloj-ambasadoroj gesinjoroj Morris († 1944 kaj 1952). Mrs. Morris estis esperantistino, sed ŝi celis tute objektivan esploron de la problemo. IALA sukcesis akiri la kunlaboron de specialistoj tutmondaj : Prof. Collinson kaj Stillman (Liverpool), Debrunner (Bern), Martinet (Paris/Columbia). Unue ŝajnis ke tiu International Auxiliary Language Association serĉis sintezon inter la ekzistantaj L.I., precipe esperanto. Sed post 1945 evidentiĝis ke oni decidiĝis por la naturalismo. La definitiva, multjara ellaboro de la lingvo de IALA okazis

sub la gvido de Dr. Alexander Gode kaj rezultigis la projekton Interlingua. Jen specimeno:

> Technicos norvegian ha disveloppate un submergibile apparato de illumination electric, que attrahe pisces verso le apertura del rete. On ha experimentate con le nove technica in le Pacifico e reporta resultatos promittente.

*(daŭrigota)*

---

## LISTO DE LA MEMBROJ-KOMERCISTOJ

### Antverpeno

**Presejo « Espero »**, Dianalaan 180, Berchem.
**Hugo Jacques**, Lange Beeldekensstraat, 31, Presaĵoj — Tel. 33.75.38
**Henny Jacques**, gramofon-diskoj por meminstruado — Tel. 33.75.38
**« Schoenen BED »** (S-ino E. Bed), Herentalse baan 422, Wommelgem.
**G. Faes**, Schoenmarkt, 16. Ĉiuj muzikaĵoj, instrumentoj, radio kaj gramofono. — Tel. 32.67.21
**Roger Jaumotte**, Cyriel Buyssestr. 44. Anoncoj en taĝjurnaloj. — Tel. 37.47.14
**R. De Soete-Vanistendael**, Heistraat 66, Wilrijk, Okulvitroj - Rab. 5 %
**Cl. Peeters**, Onderwijsstraat 68. Apotekejo — Tel. 35.40.67
**Firmo van Iseghem & Verstraeten**, St. Bernardse steenweg 631, Hoboken Vitraĵoj — Speguloj. — Tel. 37.88.20
**J. Van Nereaux**, Sterstraat 1, Viandisto — Tel. 39.55.81
**H. Peeters**, Vordensteistr. 58, Schoten. Inĝen.: Neonlumo, Reklamoj. — Tel. 81.48.47
**Verdijck**, St. Rochusstraat 174, Deurne. Ĉiaj asekuroj kaj hipotekoj. — Tel. 39.06.07
**P. Peelman**, Volkstraat 34. Fumaĵoj — Pantofloj. — Tel. 37.62.55
**« In 't Duifken » (S-ano Paesmans)**, Lge Koepoortstr. 64: Kostumoj (5 % rab.)
**M. Philips, K.**, Rogierstr. 1, Antverpeno. Korsetoj — Rab. 5-10 % p.l. membroj.
**P. Vanderhoydonck-Van den Buys**, Kapelsesteenweg 549. St. Mariaburg ŝuoj — Teksaĵoj — Mercerajoj. — Tel. 74.27.86
**J. Montmirail**, Kortemarkstraat 53, Berchem. Arhitekto. — Tel. 39.58.66

### Bruĝo

**Marcel Poupeye**, Elf Julistraat, 32: Ĉiaj asekuroj & pruntoj tutlande. — Tel. 371.93
**Charcuterie Strovi**, Vlamingstraat 38 (Teatroplaco). Viandvaroj. — Tel. 334.08
**Maison Joye**, Geldmuntstraat 29. Ĉemizoj, Gantoj, Kravatoj. — Tel. 332.75
**Firmo G. Verbeke**, Spinolarei, 19: Konstrumaterialoj. Speciale naturŝtono de Jura. Nordaj ardezoj & ŝtonetoj « Marbrino », Kahelaroj, Fajencoj. — Tel. 321.85
**Pan- kaj Kukbakisto R. Rosseel**, Mariastraat 30. Konsumsalono. — Tel. 338.34

### Bruselo

**M. Jirousek**, 104 rue du Téléphone ; reklamoj kaj litertipoj — Tel. 18.77.67
**Farmaciisto Jacobs**, 94 rue général Eenens Bruxelles 3. — Tel. 15.26.01
**« Bonbons Swinne »**, 77 rue de Nieuwenhove. — Tel. 44.57.36
**Carrelages « Carrat »**, 19 avenue de Saxe. — Tel. 21.74.49

— Presita en Belgujo de H. De Baene-Sercu, Delaplacestraat 3, Sint-Kruis Brugge —